# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

*Lingvoilo* *Google Translate* *Plena Ilustrita Vortaro*

**PLENUMITA 27/04/2017 Tricentdeknaŭa eldono (unua eldono 20/09/2011)**



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



SENDATA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Oni povos metu siajn nomon, retadreson, kaj nomon de siaj lando kaj urbo al la ricevanta listo rspring@tpg.com.au

Ekstudis pli ol **823,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

**La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.**



http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# GRAMATIKA EKZERCO. 18.



## Ĉu "kiel" aŭ ĉu "kiam" aŭ ĉu "kiom"?

Per sia "kiel" Zamenhof kreis dusencaĵojn gravajn. Rigardu la frazon "Mi manĝis kaĉon kiel infano". Unue ĝi povas signifi, ke mi manĝis kaĉon sammaniere kiel infano manĝas kaĉon. En la dua signifo ĝi povas komprenati, ke mi manĝis kaĉon kiam mi estis infano, ja estante infano.

Tio okazas pro tio ke la samo okazas en eŭropaj lingvoj: ankaŭ en la angla as a child havas la du kontraŭajn signifojn. Ĉar "kiel" signifas "en la maniero en kiu", preferindas uzi por la dua signifo "kiam mi estis infano" aŭ eĉ "kiam infano".

Alia eŭropa eraro pri "kiel" estas uzi ĝin anstataŭ "kiom". Ĉar eŭropaj lingvoj ne havas vorton por "kiom", ili uzas "kiel", = "en kiu maniero" por "kiom" por "en kiu kvanto".
Ekz. "Kiom bela tiu floro estas", ĉar la signifo estas "kiom multe" *= how much, ne "beautiful in which way"*, bela en kiu maniero.
Alia ekzemplo: "Ĉu vi scias, kiom la analizado de lingvoj utilas al via kaj mia intelektoj?".
Kaj al nia kapableco en la lingvo?

*Marcel Leereveld*.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Pri komunaj nomoj

Ĉu la nomoj de monatoj devas esti komunaj nomoj aŭ ne, ne estas certa. Kelkaj linvoj konsideras ilin komunaj aliaj ne. Ĉiuj jaroj havas Julion, Aŭguston ktp. do ili ne ŝajnas esti propraj nomoj. Eblas diri, ke la imperiestro Julio donis la nomon por Julio, do estas propra nomo. Same pri Aŭgusto. Tamen septembro, oktobro, novembro kaj decembro venas de la latinaj 7, 8, 9 kaj 10 ĉar la jaro komenciĝis en marto ne en januaro.

*Sandor Monostori*

# AEA informas.

**Aŭstralia Esperanto-Asocio** C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2017-04-20 AEA raportas:

Unue, mi pardonpetas pro la manko de raporto pri niaj lastaj du kunvenoj. Ili iel okazis, sed multaj estraranoj ne ĉeestis.

Nian lastan Skype estrarkunvenon ĉeestis:
Esther, Heather, Joanne, Jonathan, Sandor; Ilia el Indonezio, Bradley el NZ

### (1) DUA TRI-LANDA KONGRESO EN BEKASI (28/3 – 2/4/2018)

Ni daŭrigas la preparadon por la dua trilanda kongreso en marto 2018 en Bekasi.
* Humphrey Tonkin kaj la kantisto Zhou Mack Mafuila akceptis nian inviton
  Ni atendas detalojn de ili
* Ni ankoraŭ ne findecidis kiuj estos niaj du instruistoj
* Ni havis longan diskuton pri la buĝeto. Kion NI pagos, kion la indonezianoj pagos ? Kio estus egala, konsiderante ke ni estas pli riĉaj. Malfacila diskuto.
* Joanne komencis la broŝuron por la trilanda kongreso.

### (2) SUBTENO KAEM PETO.

Nun ni estas oficiale parto de KAEM. KAEM petis nian opinion/voĉon.
Bonvolu subteni VEJO (Vietnama Esperanto Junulara Asocio) SOREN-5(Somera Renkontiĝo) inter la 14-16-a de Julio en Sapa. VEJO volas inviti 4 junulojn el aliaj Aziaj landoj kaj ili petis 400 Eŭrojn de KAEM.
Ni konsentis.

Venonta kunveno: Jaŭdo 04/05/2017 je la 17:00 (Melburna tempo)

Esther, Heather, Joanne, Jonathan, Sandor

# Malgrava historieto pri mia vivo (Bob Felby)

## Nun mi kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.



## Bona rakonto kaj bona Esperanto (Roger Springer)

### Ĉapitro 1 Mia infanaĝo

La 11-a de Julio estas speciale grava tago por mi. Tiun tagon dum mia tuta vivo mi ricevas gratulkartojn kaj donacaĵojn. Kaj stranga koincido, ĉu ne ? mi naskiĝis tiun saman tagon jam je la dua horo dum tre varmega nokto en Kopenhago. Kiam la akuŝistino demandis mian du jarojn pli aĝan fratinon, Gerda, ĉu ŝi preferas frateton aŭ fratineton, tiu respondis, “Mi preferas glaciaĵon”. Tiom varmege estis tiun nokton !

Nu, kvankam mi naskiĝis en unu el la plej belaj urboj, almenaŭ eŭropaj, vi certe ne kredu, ke mi naskiĝis en unu el ĝiaj plej belaj kvartaloj. Fakte mi naskiĝis en “Tøndergade”, “Tønder” estas urbo historia en Sudjutlando, kaj “gade”, aŭ “gate”, kiel oni diras en Norvegujo, “gata” en Svedujo, signifas nur “straton”. Ĝi ne signifas, kiel oni erare supozas en la nordangla urbo “Jorko”, “pordegon” ! Tiu strato troviĝas en la kvartalo “Vesterbro”, t.e. okcidenta parto.

Ni loĝis en la teretaĝo de kvaretaĝa domo konsistanta el multaj luloĝejoj. Estis tre praktike tie, la tutan someron oni lasas la fenestron malfermita, kaj gastoj kaj vizitantoj starigas la biciklon ĉe la muro, kaj eniras tra la fenestro. Tio okazas ankoraŭ nuntempe, ĉar okcidentkopenhaganoj estas tre gastemaj. Ofte estis en la domo malplenaj luloĝejoj, ĉar kvankam la luprezo ne estis alta, tamen ne estis multaj, kiuj povis pagi ĝin. Loĝis tie nur malriĉuloj, same kiel hodiaŭ. Kompreneble en aliaj partoj de Vesterbro loĝas riĉuloj, ili sin vivtenas per la laboro de la malriĉuloj, sed ili ne estas tre multaj, do ni ne parolu pri ili !

Kvardek ok tagojn post mia naskiĝo oni decidis bapti min. Mi ne scias, ĉu oni timis, ke mia vivo fariĝos tre mallonga, ĉar mi suferis pro rakito, kiu misformis miajn ostojn. Mi supozas, ke mia patrino ne estis manĝinta sufiĉe da legomoj kaj fruktoj dum sia gravedeco. Espereble mi mem nuntempe faras tion, kvankam mi preferas dolĉaĵojn !

Mi baptiĝis en “Kristkirken”, t.e. preĝejo de Kristo, luterana preĝejo sur “Enghave Plads” t.e. Placo de la herboĝardeno. Neniu demandis min, ĉu mi volonte estos luterano, tiutempe aliaj faris la decidojn por mi. Miaj geonkloj Egil kaj Thora, donacis al mi arĝentan kuleron kun mia nomo “Robert” gravurita dorse sur ĝi kun la dato de mia baptiĝo, la 28-a de Julio 1932. Mi ankoraŭ havas tiun kuleron, mi kunportis ĝin kun mi ĉien, kien mi vagis en la mondo, kaj videblas sur ĝi la postsignoj de miaj unuaj dentoj, ĉar mi tre ŝatis mordi ĝin !

Iom poste ni loĝis, samkvartale, en luloĝejo en la 2-a etaĝo de 5-etaĝa domo. Por atingi nian domon necesis unue trairi tri kortojn, ĉar tiel oni konstruis en Danlando tiam. Por transloĝiĝi tien oni bezonis nur alveni, trovi la purigiston, kiu montris kiom da malplenaj loĝejoj troviĝas en la domo, elekti iun el ili, kaj promesi pagi la luprezon la lastan tagon de la monato. Tiam, kiam fine alvenas la lasta tago, oni simple, en la mezo de la nokto, kiam dormas ĉiuj, inkluzive de la purigisto, foriras al alia domo kun siaj malmultaj posedaĵoj sur trenĉareto, t.e. vire tirata veturileto konsistanta el nur du radoj, kelkaj bretoj kaj du tirstangoj, kaj enloĝiĝas en unu el ĝiaj malplenaj loĝejoj, kaj serĉas ties purigiston en la mateno, kaj promesas pagi la lastan tagon de la monato.

*Daŭrigota* *Bob Felby*

# El Adelajdo




Sabate, la 22-an de la aprilo, adelajda esperantisto, Benno Lang malfermis sian unu-kaj-duonjaran domon al la ekstera publiko. Inter la vizitantoj estis ankaŭ Trevor kaj Katja Steele. Eblis nur gratuli al la posedantoj. La plej grava kvalito de la domo estas, ke ĝiaj eksteraj muroj estis konstruitaj el grandaj pajlo-brikoj, kiuj tre bone izolas la internon de la ekstera varmo aŭ malvarmo.

Surfote: Benno kaj Trevor



Kun saluto,
*Katja Steele*

# El Brizbano

Informis Peter Danzer



Membroj de la Brizbana Esperanto Societo kunvenis por memorigi la centan datrevenon de la forpaso de nia amata Ludoviko Zamenhof če la hejmo de Peter kaj Linda Danzer. Membroj legis taŭgajn sekciojn pri la vivo de la majstro kaj liaj skribajoj. Ankaŭ ni aŭskultis de Esperanto-prezenton de Dr Wells kaj Esperanto-kantojn. Linda zorgis pri la korpa bonfarto de čiu kun kafotablo.




Vere Williams Caroline Turner




Peter Danzer #

BES nun havas 13 pagintajn anojn

# Foto en la loka semajna ĵurnalo pri Zamenhof.

## Skribu al AE (Por havi raporton en AE, via klubo bezonos sendi informon/raporton al AE)

AE havas 330 ricevantojn

# Komentoj pri novaĵoj aperintaj en AE

## Precipitaĵo

Vilĉjo prezentis faktojn pri la vorto **precipitaĵo** (AE 316, p 9) respondante pri demando de Bert. Por la meteologia signifo de **precipitaĵo** Marcel proponis la vorton **elnubaĵeroj** (AE 317, p 3) . Tamen la ĉefa afero pri **precipitaĵo** estas akvo.

Laŭ la artikolo **precipitaĵo** en Vikipedio (eo.wikipedia.org/wiki/Precipitaĵo)

- La nocio precipitaĵo signifas en la meteorologio akvon, kiu subenfalas en likva aŭ solida formo el la atmosfero al la grundo.

En NPIV troviĝas informo pri diversaj formoj de precipitaĵo. Jen resumo:

- pluvo: akvo defalanta
- neĝo: kristaliĝinta akva vaporo, kiu defalas de la atmosfero
- hajlo: glaciiĝinta pluvo
- roso: "Demetaĵo el etaj gutoj de akvo, devenanta el likviĝo (okazanta ordinare nokte aŭ matene) de vaporo sur la supraĵo de plantoj, grundo ktp en plena aero".

Notu ke nubo ne necesas por la formiĝo de roso. Grava afero pri meteologia precipitaĵo estas ke ĝi konsistas el akvo kondensita el la atmosfero. Oni povas mezuri ĝin per pluvometro (NPIV) aŭ pluvmezurilo (Vikipedio) (angle: rain gauge) se ĝi falas.

Ni eble povas diri "elatmosfera akvo" (kiu inkluzivas solidan akvon). Tamen mi ne trovis ekzemplon de ties uzado*. Mi ne trovis ekzemplon de "elnubaĵeroj"*. Aliflanke mi trovis kvar ekzemplojn de la esprimo "atmosfera precipitaĵo"*, kaj kvar de "-precipit-" kaj tri el ili temis pri la klimato. Guglo trovis dek ekzemplojn de "precipitaĵo" en la meteologia senso kaj nur unu en la kemia senso. Sep aliaj estis vortaroj.

La vorto **aĵeroj** estas pleonasmo, ĉar **eroj** sufiĉas. NPIV:

- **ero**. Elementa peceto: ... ☞ *atomo, floko, fragmento, guto, parto, peceto.*

Notu la vortojn "floko" kaj "guto" kiuj montras ke ero povas esti likva aŭ solida.

*Donald Rogers*

* Mi serĉis per CorpusEye (corp.hum.sdu.dk) en Monato, Eventoj kaj Vikipedio 2010, (sume 17 milionoj da vortoj).

★★★★

## RESPONDO AL DEMANDOJ DE FRANCISKA.



Franciska miskomprenas aŭ mislegas miajn kritikojn. Laŭ mia memoro mi neniam nomis la francojn stultaj. Eĉ ne la Esperantistojn francajn. Mi

AŬ nomas iun agon aŭ penson de iu aŭ iuj francoj stulta, kiel en A.E. 317, kio ne signifas nomi la personojn tiaj, sed nur unu agon, dum ĉiuj inteligentaj personoj faras de tempo al tempo stultaĵon;
AŬ diras ke en iu aspekto la franca lingvo, ne la francoj, havas stultaĵon en si. Ĉar la franca, kiel ĉiuj etnaj lingvoj, estas ĝusta, admirinda, aminda, kaj perfekta lingvo por siaj elnaskiĝaj parolantoj kaj tial ankaŭ por ni kaj mi, nature, tiu mia esprimo povas esti nur ŝerco, kaj la ŝerco faratas nur por rememorigi ke tia aŭ alia aspekto en etna lingvo estus stulta, t.e. ke tia "stulta" aspekto estus vere stulta, se aplikata en artefarita lingvo kia Esperanto, kies gramatikaj kaj vortfaradaj reguloj sekvas alian kriterion de perfekteco.

Do la ago aŭ decido pri la gramatiko de Esperanto estas stulta, se ĝi intence ne sekvas la kriteriojn de Esperanto, ekz. ne doni finaĵon al verboj aŭ uzi adjektivan finaĵon ĉe adverboj aŭ uzi la eraran sufikson "-io" por landoj aŭ ne sekvi la regulojn por propraj nomoj. Mi ne kvalifikas stulta la misuzon ate de Esperantisto kiu neniam aŭdis kompetentulon klarigi la eraron, sed nur tiujn Esperantistojn kiuj konscie malobeas regulon malgraŭ klarigo, postulante la rajton uzi Esperanton laŭ sia volo aŭ, en ĉi tiu kazo, laŭ la volo de la franca lingvo.

Mi plene komprenas, ke por francoj estas malfacila, kelkfoje tre malfacila, senti kaj kompreni la strukturon de la nefranca Esperanto. Speciale en ĉi tiu kazo, kie pli malfacilas klarigi la aferon pro la manko de nedifina artikolo en Esperanto kaj pro la germana kutimo doni ĉefliteron al ĉiuj substantivoj siaj.

Aliflanke mi suspektas, ke Franciska ne sufiĉe instruatis pri tio en sia franca lernejo kaj ke ŝi ne sufiĉe studis miajn klarigojn en A.E. 317. Jen ekzemploj: Same kiel en la Esperantaj, tiel ankaŭ en la francaj ekzistas esceptoj al la reguloj. La franca ĉiam sekvas siajn al la germana malsamajn regulojn konsekvence kaj, kiel escepto tamen, ne uzas la difinan artikolon ĉe tagoj kaj monatoj, krom en esceptoj (ekz. "Les lundis d'avril"). Franciska eble ne lernis ke la franca lingvo inventis specialan signifon por la difina artikolo en ekz. "Son cours a lieu le lundi", kie "le" (= la) signifas "chaque", "ĉiu". Alie ĝi dirus "lundi prochain". Mi krome indiku, ke en "Petro manĝas pomon" "pomo" estas komuna nomo parte ĉar ĝi POVAS, sed ne bezonas, havi "la" antaŭ si, same kiel "helpo" en "Petro bezonas helpon." aŭ "la helpon de sia patro.", dum la propra nomo Johano NE POVAS havi "la" en Esperanto kaj la franca: "Petro telefonas al Johano" (escepte en la menciitaj esceptoj). Sed se en (la inteligenta) Esperanto oni traktas la tagojn kaj la monatojn kiel komunajn nomojn (kiel en la franca), kion oni rajtas fari, la tago kaj la monato devas havi "la" antaŭ si (kiel en la germana), ĉar la komunaj nomoj "lundo" kaj "aprilo" signifas "iu lundo" kaj "iu aprilo", same kiel "biciklo" signifas "iu biciklo", ne "la biciklo". Sed "Aprilo" kaj "Lundo" NE signifas "iu Lundo" kaj "iu Aprilo", ĉar ili estas propraj nomoj, same kiel "Johano" NE signifas "iu Johano".

Mi konsilas al Franciska kaj al ĉiuj intense legi miajn klarigojn en 317.
Dubomalplena Marcel. * * *

★★★★

*Marcel Leereveld*.

## NOTO:

En n.ro 317 mi legis la frazon : "Li (= parolanto) dividis siajn pensojn kun ni (= Esp.-grupo)". Mi scias, ke oni povas dividi sian manĝaĵon kun homoj, kaj eĉ dividi siajn librojn kun homoj (= fordoni parton da ili), sed kiel oni povas dividi siajn pensojn? Nur se oni dividas la pensojn en partoj, kiel kukon, kaj donas unu penson al unu en la grupo kaj duan, alian, penson al alia grupano kaj trian penson al alia persono, kaj tiel plu. La frazo sonas kiel ŝerco, au kiel politika aludo kie politikisto dividas siajn opiniojn kun ni, unu opinio al la riĉuloj kaj la alia opinio por la amaso. Sed la koncerna Esp.isto tute ne estas politikema, kontraŭe, kaj trovas malfacila mistifiki homojn. Do devas esti ŝerco, tiu eŭropeca pensdividado. Marcel.

*Marcel Leereveld*.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Jen la somera programo en la franca Esperanto-kastelo Greziljono,

10-17.julio: Interŝanĝoj de scioj kaj faroj (precipe franclingve) => gresillon.org/s1
10-27.julio: Maratona Esperanto-kurso kun *Perla Mielo*
17-27.julio: **Renkonto de Alternativoj** de ĉiuj specoj kaj koloroj (**proponu** temon!) => gresillon.org/s2
28.julio-4.aŭg.: FESTO, junula E-renkonto kun koncertoj

05-13.aŭgusto: **Festa semajno por infanoj kaj familioj** => gresillon.org/s3
2017-aŭg-21/28 : SOMERAS, internacia **danco-semajno, pupteatro**, Esperanto-kursoj => gresillon.org/s4

**Skribu** al bertox@free.fr se iu semajno interesas vin.

kaj pli poste
2017-sept-11/15 : Migrada semajno (en Esperanto) kun *Olivier Buisson*
2017-okt-25/29 : Korusa renkonto de *Interkant'* kun *Zdravka Lenepveu*
2017-okt-25/nov-01 : **AŬTUNE** la ferioj - kun halovena festo, **seminario pri instruado kaj uzo de Eo kun infanoj**

Bonvenon en Greziljono / Grésillon

Maison Culturelle de l'Espéranto Grésillon, St. Martin d'Arcé F-49150 BAUGÉ-EN-ANJOU
kastelo@gresillon.org www.gresillon.org



# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**
Dimanĉon la 23an de Aprilo ses homoj kunvenis ĉe "Cafe Beer Deluxe" en Federation Square.

**LUNDA KUNVENO**
Lundon la 24an de Aprilo kvar homoj kunvenis ĉe Ross House.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

| | |
|---|---|
| Sabaton 29an de Aprilo je 19:00 | Ludvespero ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street |
| Dimanĉon 30an de Aprilo je 15:00 | Kunveno por komencantoj ĉe Cafe Beer Deluxe, Federation Square |
| Lundon 1an de Majo je 18:30 | Lunda kunveno ĉe Ross House, 247 Flinders Lane |

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 750 Instagram – 60
Facebook – 287 Telegram – 19
Twitter – 228

*Joanne Johns*

# La vero pri la monda potenca konfikto

# Politiko, Potenco, Mono.




**La mapo montras deziratajn tubegojn por gaso fluonta al Eŭropo.**

**Ambaŭ bezonas transiri Sirion. (Syria)**

**Depende de la gajnonto de la konflikto, Rusio povus perdi la eblecon halti la fluon de gaso al Eŭropo. Rusio uzis tiun potencon en la estinteco.**

**Bedaŭrinde Usono havas tialojn aŭ dezirojn por limigi la potencon de Rusio.**

**La Tria Monda Milito estos ebla**

*Roger Springer*

**Averton.** **CFL lumigiloj povus ekbruli kaj Kaŭzi domfajron. Tio okazastre malofte sed estas tre danĝera.**




*Henriette Vanechop*



## 3ZZZ

Ĉu vi jam aŭdis pri la EVIA lingvo? Aŭskultu la elsendon de la 24a de Aprilo 2017 por scii pli kaj samtempe ekscii pri la influo de fruktoj en la evoluo de primatoj.

Informas la kunvokanto, Franciska Toubale



# Ĉantaĝa atako ! Cerber Ransomware !



La perdo de informoj el mia Komputilo estas granda problemo. Mi, ĝis nun, pagis spertulojn $322 por rebonigi mian originalan komputilon sed la lasta spertulo trovis informon ĝis la 9a de Aprilo 2017. La komputila spertulo informis min ke eble miaj informoj moviĝas kaj mi devos serĉi ĉie en la komputilo por trovi ilin. Mi aranĝas la lokon por la nova komputilo kaj traserĉas multajn “”usb sticks” USB bastonetojn por uzeblaj dokumentoj.
Ne estas facila tasko. Mi trovis sufiĉan informon por daŭrigi la novaĵleteron kaj retrovi miajn impoŝtdokumentojn dum la periodo de perditaj dokumentoj.
Mi malkontentas pri la nuna situacio. Sed morgaŭ estos alia tago.
Amike *Roger Springer*